# FENIKSO

## INFORMILO POR AMIKA RONDO




## DE ESPERANTAĴ-KOLEKTANTOJ

1. 10. 1968. Nr. 1.

### KARAJ GEKOLEKTANTOJ KAJ GESAMIDEANOJ

Post longa diskuto inter la plej favoraj kolektantoj, lastfoje dum la ekspozicio "PRAGA 1968" ni fine decidis fondi "Amikan Rondon de Esperantaĵ-Kolektantoj". Ni fiksis la 1-an de oktobro 1968 kiel nian "naskiĝtagon" kaj kun tiu dato sur la unua paĝo ni ĉi-tie prezentas nian Informilon. Komence mi volas iomete klarigi nian celon. Sed unue mi kore dankas niajn unuajn membrojn pro tio, ke VI volis helpi min organizi la rondon, apogi nin per viaj kotizoj, kaj per viaj informoj pri apero de diversaj Esperantaĵoj en viaj landoj helpu nin reciproke je la kompletigo de niaj kolektoj.

A
R E
K

Ni ja spertis, ke tro granda organizo tute ne estas la pli praktika por ni kolektantoj, kiuj nur okupas nin per Esperantaĵoj. En la grandaj asocioj ni baldaŭ spertas, ke filatelistoj kaj filumenistoj rapide disvastiĝas sur la tutan spacon, tutsame kiel birdido de kukolo en la malgranda nesto de la gastiganta birdo iom post iom forpuŝas siajn "fratojn", la veraj idoj de la nesto-posedanto, tiel ke la kukolido fine restas sola en la nesto.

Ni Esperantaĵ-kolektantoj nun perdis la paciencon pro tiu cirkonstanco, kaj tial ni startis nian propran amikan rondon (ekster la nesto) Nia intenco kun tio absolute ne estas fari iun malutilon al iuajn kolektantorganizo, kontraŭe, ni nur lasas la lokon al la kukolido. Ni esperas, ke ĝi ankaŭ estonte fartos bone, ke la antaŭaj asocioj daŭre kreskos kaj bonfartos. Nia eta rondo nur deziras havi sian propran angulon, kie ni povas prizorgi niajn specialajn kolektinteresojn en paco. Ni ne intencas konkuri kun la grandaj asocioj, kaj tial ni fakte ne sentas nin kiel asocio - sed kiel nia nomo diras - kiel amika rondo. Ni nur similas al asocio en tio, ke ni estas devigataj postuli modestan kotizon, ĉar elspezoj kreskos abunde kiel aŭtunaj fungoj.

Ni ankaŭ spertis, ke grandskala administraciaparato ne helpas nin en nia serĉado, tial ni ne starigis longan, pli - malpli kompreneblan statuton, en kies paragraf - ĝangalo ni riskas pereiĝi aŭ almenaŭ perdi la tempon per ruzaj kverel - diskutoj. Tial ni en la komenco nur proponis kelkajn, simplajn REGULOJN, kaj ni esperas, ke ili plaĉas al vi, kaj ke vi estimas ilin, tiel ke la tuto en nia rondo povas flui en vere amika atmosfero. Ŝanĝojn en la reguloj kaj la administraciaj laboroj ni ja ĉiam povos diskuti.

En cirkuleroj nr. 1 kaj 2 mi jam prezentis la regulojn, kaj ĝis nun ĉiuj akceptis ilin.

1) La unua limigita kvanto de membroj restu je 25.(ni povos diskuti pri altiĝo se necesa).
2) Ĉiu membro rajtas libere esprimi sian opion pri la gvido de la rondo.
3) La membroj sciigas la gvidanton pri siaj kolekt - fakoj kaj informas al li aŭ al (eventuala) bankisto en la fako pri novaĵoj sialandaj, por ke ili plej frue povu akiri la objektojn.

-

En tiu ĉi informilo vi trovas la adreson de la jam aliĝintaj membroj kaj iliaj kolektdeziroj.

Kiel fondinto mi intencas komence gvidi la rondon, sed jam ĝis apero de Informilo nr. 2 vi povas laŭvole fari aliajn proponojn pri la estrado. Sed ordinare la gvidado kaj administrado estos prizorgata de memvolaj funkciuloj.

Kiel kotizo mi proponas ses rpk jare, - aŭ egala valoro. Se en via lando ne estas rpk, vi povas pagi per neuzitaj pm pri certaj temoj. Por tia kotizo ni promesas aperigon de nia Informilo minimume 2 (eble 3) foje jare.

Nia tasko ja ankaŭ estas eldoni helpilojn por la Esp-kolektantoj. Ni pensas pri eldonigo de katalogo pri Esperanto - tutaĵoj. Tio estas poŝtkartoj kaj kovertoj kun Esperanto - teksto kaj kun surpresita poŝtmarko.

Nun post la starto ni nur akceptas novajn membrojn laŭ propono kaj rekomendo de alia membro. Havigu plej volonte membrojn en landoj, kie ni ankoraŭ ne havas representanton.

Jes, karaj geamikoj, antaŭ mi kuŝas 14 instigaj leteroj de la fondiga membrostoko, kaj tio vere donas al mi emon kaj forton daŭrigi, laŭpove.

Fine mi salutas vin estu kore bonvena en nia rondo kaj mi atentigas ke la farto kaj prospero de la rondo dependas ankaŭ de la membroj mem.

Ivar Paulsson

--- oOOo ---

## FENIKSO

Ni donis la nomon "Fenikso" al nia Informilo por ke ĝi same kiel tiu mirinda fabel-birdo povos teni sin ĉiam juna kaj forta. Ni esperas, ke tio signifas, ke nia Informilo povos teni sin forta, amika kaj helpema.

Ni donis la taskon redakti kaj eldoni nian Feniksоn al nia dana amiko Reinhold Jensen, kiu jam estas iom konata pro lia katalogo pri por-okazaj Esperanto-markoj. Li libere redaktas la informilon, kaj certe li estos tre danka, - se vi sendos informojn al li, aŭ malgrandajn artikolojn pri la kolektado. Jes, oni - preskaŭ povus diri, ke tio estas via devo kiel membro.

Mi deziras al Jensen sukceson en la laboro.

Ivar Paulsson

□□□□

## ESPERANTO - POŜTMARKO

en jaro 1968 ne aperis!! Jes, mi jam imagas al mi, ke vi saltas supren de via apogilseĝo fingromontranta la apudan bildon de la 5 Kr.bloko de la ekspozicio "Praga 68".

Sed, "mano sur la koron", ĉu vi povas vidi ion sur tiu marko similantan al Esperanto?

Nun bone! La folio estas Esperantaĵo pro la Esperantoteksto sur la talono en la mezo de la folio, sed la pm. mem ne havas rilaton al Esp. kaj tial mi (persone) ne aprobas ĝin kiel Esperanto - poŝtmarkon.

Rimarku, ke ni ĉi tie havas preskaŭ la saman historion, kiun ni konas pri la fama pm kun reklam-talono de Bavario 1911. Kun miro mi legis, ke kelkaj rigardas tiun ege maloftan kaj multekostan pm-on kiel la unuan Esp-pm.on en la mondo. Tio estas mirinda, ĉar la marko mem ne havas rilaton al Esp. sed sur la apuda talono troviĝas germanlingva reklamteksto por restaŭracio, kies nomo estas "Esperanto".

Nun tiu marko estas filatela raraĵo kaj int-

eresa Esperantaĵo, - sed ne Esperantopoŝtmarko.
La nova ĉeĥa superas la malnovan bavarian kiel
Esperantaĵo, ĉar ĝi almenaŭ "parolas Esperan-
ton" sur la reklamslipo.
Oni vere povas bedaŭri, ke ĈSR eldonis tiun
reklamfolion por la ekspozicio en tia alta va-
loro. Estas ja terure, ke oni por la kontentigo
de sia pasio devas aĉeti - ne unu sed kvar mar-
kojn á 5 Kr. Sed se oni tamen oferis la monon
por ĝi, oni ne timu financan perdon. La filate-
la pasio estas tiel granda, ke la kolektvaloro
certe dum la venontaj jaroj nur konstante altiĝ
os - neniam falos. Ĝi jam estas je la duobla de
la afrankvaloro.

□

--- oOOo ---

PROVIZORA LISTO PRI ESPERANTO-STAMPOJ 1968

| | | |
|---|---|---|
| Aix-en-Provence<br>Francujo | Februaro<br>- aprilo | Varbstampo por<br>60a nacia E-kgr. |
| Montecatini Terme<br>Italujo | 11 - 16/4 | 39a itala E-kgr. |
| Czestochowa 1<br>Polujo | 14/4 | 51a datreveno de<br>morto de Zamenhof |
| Lodz 1<br>Polujo | 2-10/5 ? | 60 jaroj de Esp.<br>en Lodz.<br>(9 diversaj ? ) |
| Varna<br>Bulgarujo | 11 - 17/5 | 20a jub. IFEF-kgr<br>(apudstampo) |
| Sundsvall<br>Svedujo | 30/5-2/6 | 62a sveda E.kgr. |
| München 2<br>Germanujo | 1 - 2/6 | 46a germana<br>Esp-kgr. |
| Bruxelles-Brüssel<br>Belgujo | 1 - 3/6 | 50a belga E.kgr.<br>La stampo ekzis-<br>tas ankaŭ kun la<br>nomo-ordo: Brüssel-Bruxell. |

| | | |
|---|---|---|
| Katowice Polujo | 23/6 | 4a Helikopterpoŝto. Apudstampo. |
| Podebrady Ĉeĥoslovakio | 23/6 | 3a int. ŝakturniro |
| Utrecht Nederlando | julio? | Varbstampo okaze 41a SAT-kgr. *) |
| Gyula Hungarujo | 6/7 | 6a somera Esp.-universitato |
| Limburg a. d. Lahn Germanujo | 25/7-1/8 | Unua komuna kgr. IKUE kaj KELI |
| Sapporo Japanujo | 3-4/8 | 55a japana Esp-kgr. |
| Utrecht Nederlando | 3-9/8 | 41a SAT-kgr. |
| Madrid Hispanio | 3-10/8 | 53a UK |
| Newcastle Anglujo | 10/9 | Jub.jaro. 50a datrevo de la fondiĝo de Esp.-soc. Newcastle upon Tyne |
| Neustadt (Weinstr.) Germanujo | 11-13/10 | Jarkunveno de GEFA |

La listo estas nur simpla registrado de la de ni konataj stampoj, kaj ĝi certe ne estas kompleta. Bonvolu skribi pri mankantaj stampoj.

Pli eksakta priskribo de la stampoj venos en la aldono al la Stampo-katalogo.

x

--------

*) kun la teksto: Esperanto de taal voor internationale kontakten

--- oOOo ---

# GLUMARKOJ 1968

1) Jaro de homaj rajtoj! Jarcifero, emblemo kaj teksto sur ora fono. (UEA-eldono).
2) 33-a nov-zelanda Esp-kgr, Whangarei, 8 - 12/1. Kolono,stelo kaj teksto. Verda.
3) 39-a itala Esp-kgr. Montecatini Terme, 11-16/4. Tekstmarko. Flava kaj verda.
4) Hispana Esp-muzeo k. 10-a Barcelonprovinca Esp-renkontiĝo. Sant Pau d'Ordal. 5/5. Folio: 3x2= 6 diversbildaj markoj.
   1) verda stelo kun E, blazono k teksto.
   2) rivereto, 3) kastelo kun horloĝturo,
   4) kolono kun kruco, 5) pejzaĝo.
   6) la muzea Ex-libris.
   Koloroj: krom verda stelo estas:
   a) nigrabruna, b) oranĝa, c) malhelroza.
   NB. Fol. koloro a troviĝas sen verda stelo sur markoj 2,3,4 kaj 5. Kaj fol. kol. a troviĝas sur kartono. Sur sama kartono dekstre granda Ex-libris (66x80) dukolora.
5) 52-a brita Esp-kgr. Manchester, 12-15/4. Radio-teleskopo. Nigra kaj blua.
6) 20-a IFEF-kgr, Varna, Bulgarujo.11-17/5 Stelo, flugilrado k teksto. Griza, blua kaj verda.
7) Sveda Esp-kgr. Sundsvall. 1-3/6. Teksto. Verda sur blanka.
8) 46-a germana Esp-kgr. München. 2-3/6. Blazono, stelo k teksto. Nigra sur verda papero.
9) 41-a SAT-kgr. Utrecht, Nederlando. 3-9/8 Esp-stelo k teksto en cirklo. Verda.
   a) papero ekster la cirklo blanka,
   b) papero ekster la cirklo verda.
10) 53-a UK. Madrid. 3-10/8. Esp-stelo, statuo de Don Quixote k Sancho Panco k domego. Blanka, nigra k verda sur ora fono.
11) Postkongreso en Zaragoza. 11-15/8. Sur ruĝa fono leono tenanta mondmapon.

12) Vintraj olimpiaj ludoj 1968. Grenoble.
Francujo alvokas vin! Skisaltanto, monto, Esp-stelo. Blua, ruĝa k verda sur flava.

Tiu provizora listo certe ankaŭ ne estas kompleta. Bonvolu skribi al la redaktoro pri mankantaj markoj. Mi legis pri markoj de la 23-a SAT-amikara kgr. en Toulouse kaj pri 16-a ELNA kgr. en Usono, sed mi ne vidis ilin.
Kiu raportos pri tiuj dubaĵoj? La priskribo ĉi tie estas koncentrita al la plej necesaj detaloj. Se vi raportos pri marko memoru la mezurojn k la foliaranĝon (por la katalogo), sed pli bone estus sendi la markon mem por studado □

--- oOOo ---

## MANKOLISTOJ

Oni demandas min, ĉu en la informilo estas spaco por individuaj mankolistoj.
Mia respondo estas, ke tio certe estas neebla pro la limigita formato de la informilo, kaj mankolistoj ja ankaŭ ne estas io kun daŭra valoro, ili espereble rapide mallongiĝos.
Sed, la temo estas interesa kaj povus eble fariĝi bona helpo por niaj membroj. Tial mi pensas, ke ni povas sendi eventualajn mankolistojn sur apartaj folioj kune kun la informilo, kiel speco de "aldono".
Sed membroj, kiuj deziras tian specialan servon, devas mem pagi la koston - almenaŭ parte - aŭ mem presi la liston en 25 ekzempleroj kaj sendi ilin al mi. En tiu okazo ili estos senpage senditaj kune kun la sekvanta "Fenikso".
Se vi deziras, ke mi multobligu la liston, mi povos fari tion por 2 - 3 rpk. Kun la nuna Fenikso sekvas la unua mankolisto kiel specimeno. Listo, kiu postulas tutan paĝon, kostas 3 rpk. Pli mallongaj duonpaĝaj kostas 2 rpk.

Red. □

ӄӄӄӄ

A D R E S A R O

1) IVAR PAULSSON,
Algatan 3. III. Solna. S - 171 33.
Kolektas: Pm Sta

2) REINHOLD JENSEN,
Sdr. Ringgade 77. Århus C. DK - 8000.
Kolektas: Pm Glm

3) J. MANNINGER,
Reiherstadlgasse 11, Graz. A - 8020
Kolektas: Pm Sta

4) ANNA-GRETE STRØNNE,
Admiralsgatan 36, Malmö. S - 211 55.
Kolektas: Pm Sta

5) EVARISTO GIL PALLARÉS,
Apartado 875. Barcelona, Hispanio.
Kol: Pm Sta Glm Exlibris.

6) W. S. MAJEWSKI
Nowolipki 9 a/m. Warszawa 31. Pollando.
Kol.: Pm Sta

7) WERNER HEIMLICH,
Fröbelstrasse 4, Soltau, D - 304
Kol.: Pm Sta

8) RUDOLF BURMEISTER,
Wilhelm Wolff Str. 1.
9033 Karl Marx Stadt. Germanujo. DDR.
Kol.: Pm Sta Glm

9) VLADIMIR Váňa,
Křižikovy sady 1. Plzen. ĈSR.
Kol.: Pm Sta Glm

10) DOLFA BARTOŜIK,
Fr.Ŝramka 31, Praha 5. Smichov. ĈSR.
Kol.: Pm Sta Glm

11) FRANK TICHY,
Slapanov 87, u.H. Brody, ĈSR.
Kol.: Pm Sta Glm

12) Alberto Pedro da SILVA,
Rua Antonio Ferreira 9, 2-1
Lisboa 5, Portugalujo.
Kol.: Pm Sta Glm

13) ARNE BENGTSSON,
Åbybergsgatan 32, Mölndal. S - 431 31.
Kol.: Pm Sta Glm

14) KURT LINDSTRØM,
Jämtlandsgatan 152, Vällingby, S - 162 20.
Kol.: Pm Sta Glm

15) JEAN CHAPELLIER,
109. Avenue de la Malgrange,
Jarville. F - 54
Kol.: Pm Sta Glm

16) EMILIO FOLDADE LÓPEZ,
Str. Arias Montana 15. Badajoz.Hispanio.
Kol.: Pm Sta Glm

17) JUSTO BOBERG,
Bastuhagsvägen 20, Enskede. S - 122 42.
Kol.: Pm Glm

---

PAROLAS LA MEMBROJ:

18-8-68. Kun granda ĝojo mi ricevis vian afablan leteron, kaj dankas pro ĝi. Mi tre konsentas la projekton fondi amikan rondon, kaj mi opinias, ke tio estas la plej bona helpo.
J. Manninger

22-8-68. Mi estas preta por havigi al aliaj la materialon aperonta en mia lando.
Feliĉe mi nun resaniĝas iom post iom.
Evaristo Gil

7-9-68. Mi sincere gratulas al vi pro la instigo al fondo de rondo de Esperantaĵ-kolektantoj. Mi antaŭe kaj daŭre apartenas aliajn klubojn sed spertis, ke baldaŭ en ili svarmas filatelistoj...
A. P. da Silva

...Mi memorigas la membrojn, ke jam ekzistas kelkaj helpiloj por la Esperantaĵ-kolektanto: Katalogo pri porokazaj E-glumarkoj, 2a eldono, Prezo: 20 rpk afranko. Havebla ĉe la redaktoro Katalogo pri Esp.-poŝtmarkoj kaj Katalogo pri Esp.-stampoj. Ambaŭ haveblaj ĉe nia membro S-ino Anna-Greta Strönne.

Ni ja ankaŭ devas pripensi diversajn servojn. Ni serĉas gvidiston por nia(j) planitaj(j)banko(j) por glumarkoj kaj stampoj. Mia espero estas, ke s-ro Vladimir Váňa - malgraŭ la malfavoraj cirkonstancoj en lia lando nuntempe - tamen post iom da tempo povos kaj bonvolos gvidi la bankon. Li estas ja la unuunura de ni, kiu havas iom da sperto tiurilate. Se necesa, ni ja ankaŭ povus partigi la oficon en 2 fakoj. Unu por stampoj kaj unu por glumarkoj.

Skribu al mi, se vi havas ideon aŭ povon por kunhelpo.

Ivar Paulsson

Mia rimarko: Por eviti vanajn spekulaciojn pri mi kiel gvidanto de la Glumark-banko, mi jam nun mencias, ke tiu okupo estas neebla por mi. Estas absolute necesa por mi, ke mi ne surhavigos al mi pli da taskoj, ol mi jam havas.

La redaktoro

F I N V O R T O J :

Vi nun trarigardis la unuan numeron de Fenikso; la redaktoro kaj mi jam "pintigis niajn orelojn" por aŭdi vian opinion. Ĉu ĝi interesigis vin? Aŭ kiumaniere plibonigi ĝin? Modesta ĝi devas esti, nia ekonomio ja ne permesas, ke ni amplekse povas priskribi ĉion tiel detale, kiel ni povus deziri. Memoru ke vi de nun ankaŭ estas kunlaboranto!

I.P. kaj □

---

La sekvonta numero de "Fenikso" aperos laŭ nia plano en januaro 1969. Materialon por ĝi sendu al la redaktoro: Reinhold Jensen...............